# ESPERANTO

Internacia Revuo eldonata de Universala Esperanto-Asocio

Fondinto : H. Hodler.
Redaktoro : D-ro Edm. Privat.
Direktoro de UEA : Hans Jakob.

Adreso : 1, Tour de l'Ile, GENÈVE, Svislando


ENHAVO :




XXIX-a Jaro N° 400
DECEMBRO 1933


## Orienta postulo

Japana Esperanto-Kongreso kunvenis en Kioto la 3-an de Novembro 1933 kaj alprenis per voĉdono rezolucion, kiun ni presigas sur alia paĝo. Temas pri neologismoj en Esperanto.

Niaj ekstremorientaj samideanoj plendas pri emo de kelkaj eŭropaj verkistoj tro facilanime enkondukantaj novajn radikojn en nian lingvon. La kongreso memorigas, ke dum la hindo-eŭropa fonto de nia vortaro jam favoras okcidentanojn, almenaŭ la vortfarado per afiksoj kaj per kunmetado plifaciligas la lernadon al ceteraj popoloj kaj devus resti la ĉefa metodo por krei novajn esprimojn.

Ankaŭ tiel estas, sed la plendo de Japanoj ne venas senkaŭze kaj meritas plej simpatian atenton. Persone mi povas nur subteni ĝin, ricevinte mem de statistiko negativan premion kiel aŭtoro uzinta la malplej grandan nombron de radikoj en siaj verkaĵoj.

Tute prave diras la Japanoj, ke D-ro Zamenhof neniam parolis pri Esperanto kiel « la eŭropa lingvo », sed ĉiam kiel la lingvo de « tuta homaro ». Ankaŭ tute prave ili aldonas, ke tro eŭropema tendenco endanĝerigus la disvastiĝon de nia lingvo en Oriento.

Ĝuste en la momento, kiam eŭropaj nacioj fiere asertas proprajn dezirojn kaj postulas egalecon, ili devas allasi la saman rajton ankaŭ al ceteraj nacioj. « La epoko de eŭropa aŭ ali-kontinenta imperialismo jam definitive pasis, vokas la kongreso ; vivu la tuthomara solidareco kaj la inter-kontinenta lingvo Esperanto ! Vivu la egaleco de rajtoj de ĉiuj popoloj ankaŭ sur la lingva kampo internacia ! »

Bone komprenas orientanoj, ke scienco bezonas teknikajn vortarojn por ĉiu fako. Sur tiu kampo la « eŭropemo » jam altrudis sin eĉ en iliaj lingvoj. Nur en literaturo ili petas ŝpari ŝtopadon per tro da novaj radikoj ne absolute necesaj por nuanca diferenco.

Tiun gravan alvokon de Japanoj subtenos ankaŭ multaj eŭropaj instruantoj de Esperanto kaj devus kompreni la verkistoj mem, kies librojn aĉetus pli volonte la nova publiko, se ili entenus malpli da superfluaj neologismoj.

Aprobinda estas ja la deziro esprimi ĝuste — ne nur proksimume — ĉiun ideon kaj samtempe riĉigi nian lingvon, sed la verkisto devas pensi, ne nur al si mem, sed antaŭ ĉio al la legantoj, por kiuj li skribas. Tro facila salumado per eksteraj pruntaĵoj ne riĉigas la lingvon en la senco viva. La vera vivo montriĝas en la uzado kaj vigligado de la internaj iloj. Genio povus ĉerpi ankoraŭ dormantajn eblecojn de pika, frapa kaj bildobrila esprimado el la nura materialo trovebla en humila « ŝlosilo » per brava profitigo de vortkunmetado kaj afiksoj.

Pruntaĵoj el ekstero en tre malgranda kvanto povas ludi la rolon de salo. En tre granda proporcio, ili ne plu salumas, ili venenas.

Kial ? Ĉar ilia senca valoro dependas el aliaj hejmoj kaj ne ĉerpas sian forton el la jam konata propra komunaĵo. Ĝuste la sukceso kaj la viveco de Esperanto devenas el tio, ke ĝi kreis al si firman bazon el propra fonto sur minimuma fundamento da radikoj.

Edmond Privat.

Preseraro. — En la ĉefartikolo de nia Novembra numero (meza paragrafo) bonvolu legi « *La malneŭtralecon ne kompencas gajno de oportuneco* », anstataŭ : la neŭtralecon ne *komprenas* gajno k.t.p.

# Esperantismo

## LA BRAZILA POŜTO

### eldonis poŝtkartojn kun teksto en Esperanto

Brazilo estis la unua lando kiu akceptis Esperanton kiel klaran lingvon por la telegrafa korespondado. Tio okazis jam en 1906.

Se en ĝia uzado en la poŝto, Brazilo ne estis la unua, tamen ĝi estis unu el la unuaj. La Generala Direkcio de la Poŝtoj kaj Telegrafoj jus eldonis serion da 20 belegaj poŝtkartoj kun bildoj el Rio de Janeiro kaj klarigaj tekstoj en portugala lingvo kaj en Esperanto. La papero de la kartoj estas blankaj kaj la surpreso violkolora. La nova poŝtmarka desegno montras bildon el la ĉefurbo de Brazilo. Estas tre grave ke ili estas la unuaj ilustritaj kartoj de la brazila Poŝto.

Tiuj ĉi poŝtkartoj estas aĉeteblaj po cent rejsoj ĉe ĉiuj giĉetoj de la brazila Poŝto kaj uzeblaj enlande kaj en komunikado kun Hispanujo kaj la amerikaj landoj. Post algluo de plia poŝtmarko de 300 rejsoj ili estas uzeblaj en komunikado kun la ceteraj landoj.

Tiun ĉi gravan venkon oni ŝuldas al s-roj d-ro Junqueira Ayres, generala direktoro de la Departemento de Poŝtoj kaj Telegrafoj, kaj Emilio Tavares de Macedo, Regiona Direktoro de la Federala Distrikto, al kiuj s-ro A. Couto Fernandes, prezidanto de Brazila Ligo Esperantista kaj emerita Teknika Direktoro de la Nacia Telegrafo, montris la oficialajn bildpoŝtkartojn el Lichtenstein kaj Hungarujo kaj aliajn valorajn esperantajojn kaj petis ke klariga teksto en Esperanto flanke de tiu en portugala lingvo estu entenata en la novaj poŝtkartoj baldaŭ eldonotaj.

> Al ili oni devas skribi dankan leteron aŭ simplan poŝtkarton laŭ la jena adreso : *Departamento dos Correis e Telégrafos. Rio de Janeiro. Brazilo.*

Jen la tekstoj de la eldonitaj poŝtkartoj :

1. Ĝardeno sur la Placo Parizo ; 2. Maŭra Pavilono ; 3. Palaco Monroe, kie funkciis la Senato ; 4. Ĉambro de Deputitoj ; 5. Palaco Guanabara (loĝejo de la Prezidanto) ; 6. Marbordo Botafogo ; 7. Urba Teatro ; 8. Preĝejo de Nia Sinjorino de Penha ; 9. Kanalo Mangue ; 10. Placo Floriano ; 11. Placo Parizo ; 12. Specimena Foiro. Centra pavilono de la Ekspozicio ; 13. Vidajo de la Havena Kajo ; 14. Parto de la golfeto Botafogo kaj Monto Pao de Açucar (Sukerpano) ; 15. Parto de la golfeto Botafogo ; 16. Placo Floriano kaj Avenuo Rio Branco ; 17. Groto de la Gazetaro kaj monto Gávea ; 18. Ĝardeno kaj Preĝejo de Nia Sinjorino de Gloro ; 19. La montoj Korkovado (kun la monumento de Kristo) kaj Pao de Açucar (Sukerpano) ; 20. Havenenirejo.

Konsiderante ke la ilustritaj poŝtkartoj servas al la turisma propagando por la koncerna lando s-ro Tavares de Macedo proponis al la Generala Direktoro la eldonadon de aliaj serioj, edukaj kaj turismaj.

La poŝtkartoj estas presitaj ĉe : Pimenta de Melo & C.a. — Caixa postal 860. Rio de Janeiro.

## Por lingvo pura !

La 21-a Japana Esperanto Kongreso atentigas pri la reformemo kaj troa neologismemo de « modernaj » Esperantistoj, kiuj konstante malfaciligas nian Internacian Lingvon. Tro ofte oni ne atentas nin orientanojn ĉe la enkonduko de « internaciaj vortoj », kiuj ne estas komprenataj en la Oriento, same kiel en multaj eŭropaj landoj.

Nia majstro Zamenhof neniam parolis pri Esperanto kiel *« la eŭropa lingvo »* sed ĉiam kiel la lingvo *« de l'tuta homaro »*. La Japana Esperantistaro konstatas, ke se la opinio pri Esperanto kiel « la eŭropa lingvo » estus alprenata de la plimulto de niaj eŭropaj samideanoj, la disvastiĝo de nia lingvo en la Oriento estus grave endanĝerigata,

Konsiderante tiun ĉi aferstaton, la 21-a Japana Esperanto Kongreso deklaras, ke

1) La vortfarado per afiksoj kaj kunmetado estas unu el la esencaj karakterizoj de Esperanto; ĝi estas grava plifaciligo de la lernado;

2) La esenco de la lingvo kuŝas en ĝia manifestado, kiu realiĝas ĉefe per la literaturo; konsekvence, fako speciale nomata « literaturo » en Esperanto ne povas ekzisti kaj oni ne povas formi ian fak-vortaron literaturan, kiel ekz., maŝinfakan medicinan, aŭ alian terminaron. Tion ĉi ni asertas spite al la sofismoj de anoj de la tielnomata « literatura fako ».

3) Neologismoj pro bezono de poemfabrikado estas nenio alia ol la degenerado de la arto poezia; plie, en Esperanto ĝi signifas rekte danĝeran ludon kontraŭ la Fundamento.

Konsiderante, ke ni ekstrem-orientanoj povas fari pli objektivan juĝon pri la internacieco ol la eŭropanoj kies lingvoj estas tro proksimaj al Esperanto kaj gardi severan senpartiecon kaj neŭtralecon, ni, kunvenintaj en la Laborkunsido de la 21-a Japana Esperanto Kongreso en Kioto, energie malrekomendas, pro la bono de nia lingvo, la uzon de neologismoj sen nuanca diferenco aŭ kun perforta nuancigo.

Ni vokas al niaj samideanoj en la Okcidento : la epoko de eŭropa aŭ ali-kontinenta idea imperialismo jam definitive pasis. Vivu la tuthomara solidareco kaj la inter-kontinenta lingvo Esperanto! Vivu la egaleco de rajtoj de ĉiuj popoloj *ankaŭ* sur la lingva kampo internacia!




*Oni insiste petas al ĉiuj esperantistaj societoj aŭ personoj, kiuj sukcesos publikigi artikolon aŭ noton pri tiu grava eldono de la brazila Poŝto ke ili sendu al Brazila Ligo Esperantista (Av. Marechal Floriano, 212. Rio de Janeiro. Brazilo) du ekzemplerojn de la gazeto ĝin aperiginta aŭ almenaŭ de la titola kaj koncerna paĝo de la gazeto. Por ĉiu gazeto B. L. E. sendos kvitancon sur oficiala poŝtkarto.*

*Unu el la kolektoj de tiuj gazetoj estos sendata al la poŝta direkcio.*

*Brazila Ligo Esperantista sendas rekomendite plenan kolekton de la poŝtkartoj al ĉiu kiu sendos al ĝi 5 respondkuponojn de la poŝto aŭ de U. E. A.*

# *Literaturo*

## Mia penso

De D-ro K. Kalocsay

Estis maja posttagmezo. Pezan odoron de apudvojaj akacioj portis la facilaj flugiloj de milda venteto; el la helverda herbo okulumis multkoloraj florkapetoj, en la unutonan trilon de la griloj miksiĝis gajaj gamoj de birdoj. Kaj en facila printempa ebrieto marŝis tra la kampo ekskursa societo. Malantaŭe, interbabilante, iris malrapidema grupeto : la gardantaj patrinoj; la gejunulojn pelis la juna sango : kante, ŝerce, kun paŝoj tiklitaj de dancemo ili rapidis antaŭen, senfine, kontraŭ la vento, kontraŭ la blua horizonto, kontraŭ la gaje ĝermanta, milde brakuma, eterna printempo. Kokete flirtis la bukloj de la knabinoj, ŝvebis la jupoj, radiis la okuloj. Sonis ŝercoj petolaj, krioj gajaj — estis feliĉa, senzorga printempa posttagmezo.

Inter la gejunuloj, kun same rapidaj, sed tamen iom pli peztaktaj kaj pripensitaj paŝoj, iris junulo. Kelkfoje li ekridetis pro ŝerco, sed cetere li ne partoprenis en la superŝaŭmanta jubilado. En la bonaj, seriozaj okuloj sidis enprofundiĝinta medito.

Granda kverko staris meze de la kampo. La societo prenis la direkton al ĝi. Iu proponis halton kaj ripozon.

Oni sidiĝis sur la mola herbokovro. Poste, kiel kutime, komenciĝis gajaj, petolaj societaj ludoj. En tiuj ludoj nia junulo multe eraris kaj perdis, sekve li devis plenumi tre multajn punojn. Li obeis kun ĉarma, peza seriozeco. Kompreneble, kiel kutime, ne mankis petolaj piketoj, ŝercaj divenadoj pri la kaŭzo de lia distreco.

Inter gajaj ludoj kaj ŝercoj venis vesperiĝo. De patrina flanko aŭdiĝis voĉoj pri hejmeniro. Sed la societo tre bone fartis por tion fari. Tiel rava estis tiu ĉi milda, trilanta kaj odoranta printempa mallumo, sub la vibraj stel-okuloj de la velurblua ĉielo! Kaj — eble por silentigi tiujn malagrablajn admonojn — oni ekkantis.

Post multaj gajaj kantoj, junulino, kun eta sed ĉarma voĉo, ekkantis melankolian melodion :

Peza nokto sur min falas,  
Ruiniĝis mia vivo,  
Miaj vangoj velke palas :  
Ĉio estis nur fiktivo.

Nur mensogis via amo,  
Via ĵuro kaj sincero,  
Estingiĝis lasta flamo,  
Falsa flamo de l'espero...

Espero... forsonis la kanto, dronante en longmomenta silento. Kaj la trajtoj de la silentema junulo subite ekmoviĝis de interna ekskuiĝo.

Espero... falsa flamo de l'Espero... Ho jes! Tiu falsa flamo lin logas post si... kiel longe jam, kiel obstine, kaj, eble, kiel sencele! Ĝi jen estingiĝas, jen ekbrilas denove kiel marĉlumo. Kaj li kuras post ĝi, kuras blinde preter la ĝojoj de sia juneco.

Jen, kiel ĝoje kaj sinforgese sin donas al la ĝojo ĉi tiu kara societo. Ili ĝuas sian junecon, povas sin doni al la vibranta Nuno, al la dolĉo de karaj efemeraĵoj. Kaj li? Li estas fremda al ili, fremda al ilia ĝojo. Sed kial nun tio al li doloras? Eble tamen li eraris? Eble tamen tio ĉi estas la vera vivo kaj vera feliĉo kaj ne la grandaj projektoj, altaj aspiroj, noblaj revoj? Ho jen, en la arĝenta lumo de la ĵusveninta luno, kiel radias la vizaĝo de la kara kantintino! Kiel ĉarma ŝi estas, kiel freŝa, kiel kisinda! Kiel bone nun estus diri al ŝi stultan komplimenton, ektikli ŝian reveman animon per duonpromesaj aludoj — kaj dum la hejmeniro, eble postresti kun ŝi en sekreta, nepriparolita konspiro, por longo manpremo, por ama kunkliniĝo...

Li nevole ekridetis. Stranga, tute stranga, tute neebla ŝajnis al li tia konduto. Kaj kion li ja povus al ŝi diri? Ĉu entute li povus diri ion, kio estas malplena banalaĵo, kio ne venas vere el la animo, kio ne estas grava kaj bela? Valore bela. Multfoje li ja havas tiajn pensojn, aŭskultante la interparolon; ilin li povus ja ankaŭ diri, ili eble estus eĉ surprizaj. Sed iel li ĉiam malfruas. Kiam la penso maturiĝis, ricevis sian definitivan belan rondan formon, la societo jam delonge delasis la temon, estus jam ridinde al ĝi reveni. Kaj, cetere, kiun interesus, kio al li ŝajnas grava kaj interesa? Ĉu entute estas grava la kerno de la parolo? Ĉu ne sole la parolo gravas, mem la parolo, la buŝmovo, la vivo, la neripozo? Ne, ne, li ne konvenas tie ĉi. Kaj, se li bone pripensas, li eble devus fieri pri tio, ke li ne konvenas tie ĉi. Kial do tio nun doloras al li tiom?

Nu, ĉar nun li ege eksentis, kiel soleca li estas. Lin kruele ekpremis lia granda amara izoleco. Projektojn li havas, laboron, karan laboron, pri kiu li fervoras ekde sia infaneco. Ho, se li povus pri ĝi ekparoli, ĉiuj admirus lian elokventecon. Kiel iam en la gimnazio, kiam liaj kamaradoj ĥore deklamis : *Malamikete de las nacjes!* Sed li ne povas paroli. Li promesis tion al sia patro, kiu timas la stultajn mokojn pri la utopiemo de l'filo, timas pri lia kuracista reputacio. Kaj nun li estas sola, tute sola en la mondo : al neniu li povas komuniki la plej intiman trezoron de sia animo. Nur lia lampo scias pri tio, brulante ĝis malfrue en la nokto, nur ĝi vidas la kaprompajn penojn, nur ĝi vidas la gojkrian saltleviĝon kaj longpaŝan promenadon en la ĉambro post la feliĉa solvo de malfacila demando. Nu, tamen, tiu laboro havas ja siajn ĝojojn. Sed ĉu iam ĝi prosperos? Neniam li estis pli malproksime de tio. Vere, estingiĝas jam la flamo, falsa flamo de l'espero...

— Ĉu vi dormas, sinjoro, ke vi sidas tiel senmove? — sonis malantaŭ li knabina voĉo.

— Ne, tute ne! — li respondis konfuze, apenaŭ konsciante, kion li neas.

Feliĉe, la knabino ne atendis pli longan respondon, ŝi alparolis jam iun alian. Ĉiu parolis, kelkaj flustris, la ĝenerala bruo estis tre bonvena, por droni en ĝi senvorte, kiel ĝis nun.

Sed jam vere estis tempo por hejmeniri. La societo prenis sin de sur la herbokovro kaj ekiris. Nia junulo iris tre malrapide, tre malantaŭe, inter la patrinoj, poste malantaŭ la patrinoj; en la ĝenerala babilado neniu rimarkis, kiam ĉe flankvojo li malaperis.

Li marŝis kun pezaj paŝoj, kvazaŭ ĉiuj zorgoj, kiujn la anoj de tiu malproksime bruetanta societo tiel facile forskuis de siaj ŝultroj, nun premus lian dorson.

— Nu, mi forkuris malkuraĝe, — li pensis. — Kion oni opinios? Ne grave. Mi vere ne konvenas al ili. Kial mi ĝenus per miaj problemoj ilian dolĉan senproblemecon?

Li ekrapidis. Lin ja atendas hejme la *Tasko*, al kiu li oferis tagojn kaj noktojn, la karajn horojn ŝtelitajn for de junaĝaj plezuroj. *La Tasko!* Sed — ĉu ĝi vere estas tiel grava por la mondo? Aŭ li nur imagas, ke ĝi povos porti savon al la homaro? Kaj ĉu li, malriĉa, modesta, timema junulo, kapablos iam trudi al la mondo ĉi tiun savon, eĉ se ĝi vere estus savo?

Tra la milda printempa aero vibre palpebrumis la okuloj de malproksimaj mondoj, rigardante la vee baraktantan homomondon kun la indiferento de la aĵoj eternaj. Ĉu ilin rigardas nun ie simila animo, frat-animo, kun same dolore brula amo al la malfeliĉaj stultaj homfratoj? Al ĉi tiuj mizere pasemaj kreaĵoj, kiuj anstataŭ fari por sia mallonga vivo Edenon el la Tero per reciproka helpo, kunlaboro, kunsento — staras unu kontraŭ la alia kun okuloj sangaj de malamo, kun strabaj intencoj de ekspluato, antaŭ la malica indiferento de la senanima Naturo.

Kaj nun ree, eble pri klare ol iam ajn ĝis nun, li eksentis la kaŭzon de la tuta malfeliĉo. *Malamikete de las nacjes!* Malamikeco de la nacioj, de gentoj, de rasoj; ho, se li povus iam sendube pruvi tion al la mondo! Se foje ĉiuj popoloj povus interkompreniĝi senpere, sen la falsa perado de malicaj interpretistoj, malgranduloj kun malgranduloj! Se foje ili kunvenus, por aranĝi ĉion klarvide, sen antaŭjuĝoj, kun la sincera deziro de kompreno laŭ la reguloj de la racia boneco, per amika interparolado. Se ili fine rekonus, ke funde ili ĉiuj estas egalaj, kun la samaj ĝojoj kaj doloroj, esperoj kaj aspiroj, ke la diferencoj inter ili estas nur interesa multkoloreco, kiun ĉiu nacio kaj gento miksas en la komunan harmonion kiel grandiozan donacon. Se kun granda liberiga ridego ili rekonus, ke el ĉi tiuj diferencoj sole la strabaj ambicioj de subridantaj mistifikistoj faris malamikajn murojn inter la anoj de unu granda familio. Ĉu tiam ne fariĝus la tuta homaro tia gaja, amuziĝanta societo en la eterna printempo de la amo? Kompreno, kompreno, kompreno — jen la trumpeto de Jeriko, kiu faligos tiujn murojn. Kaj ĉi tiu trumpeto estas preta, ĝi kuŝas sur lia skribotablo! Ĉu sukcese, ĉu fiaske, li ne ĉesos ĝis sia morto instigi la mondon, ke ĝi ekblovu ĉi tiun trumpeton per plena pulmo!

Li rapidigis siajn paŝojn. Alvenis hejmen: en la etan, malriĉan ĉambron, ekbruligis la lampon, kaj longe, medite kontraŭrigardis ĝin, sian solan intimulon.

— Nu, ni laboru! — li diris fine al si mem por instigo.

Atendis la kutima laboro. Ne strategiaj planoj, nur vortoj, gramatiko, kreo de novaj, forstreko de superfluaj elementoj. La lingvo jam estis preta de longe, nun estis la vico de ĝia praktika elprovo: tradukado kaj verkado, fajlado kaj polurado. Plezura kaj facila laboro alifoje, sed nun — ree kaj ree li haltis kaj rigardis mute antaŭ sin. La gaja bruo de tiu printempa societo resonis en liaj oreloj, vibrigis lian animon dolore — la juna sango petis siajn rajtojn. Kaj, dum li ĉirkaŭrigardis en la askete simpla ĉambreto, ree ekdoloris en lia animo tiu dolĉa, freŝa knabinvizaĝo en la arĝenta lunlumo. Kaj ree li eksentis tiun sopiron, kiu lin tranĉis tie sub la kverko: vivi, vivi, ĝoje, sinforgese, facilanime!

Kaj la lampo, kutimiĝinta al plumknarado kaj papersusuro, nun mire aŭdis plurajn pezajn ĝemspirojn. Ĝia mastro sidis mute, senmove, en profunda medito, la vangon apogante per la mano kaj en liajn okulojn ŝteliĝis du grandaj larmogutoj.

Kaj tiam, en la silento nokto, sub la pala lumo de la lampeto, elverŝis sin la rezignacio kaj oferemo de soleca animo. Al la dolora penso kroĉiĝis ritmoj kaj rimoj, kaj laŭ la melankolia melodio de la kanto aŭdita sur la kampo, li ekskribis, vere nur por si mem, en lingvo, pri kiu neniu sciis, kiun neniu ankoraŭ komprenis, en sia propra lingvo, sian propran doloron:

| | |
|---|---|
| *Mia penso kaj turmento* | *Kion havis mi plej karan —* |
| *Kaj doloroj kaj esperoj!* | *La junecon — mi ploranta* |
| *Kiom de mi en silento* | *Metis mem sur la altaron* |
| *Al vi iris jam oferoj!* | *De la devo ordonanta...* |

# SELMA LAGERLÖF
## rakontas pri sia vivo

*La fama verkistino atingis, dum Novembro pasinta 75 jarojn. Ŝi havas sinceran simpation por la ideo de internacia lingvo. Pluraj el ŝiaj verkoj ekzistas en Esperanto.*

El la pala ploro de l'nebuloj filtriĝas fora murmuro de rivero Björnsjö, kiu fluas ĉirkaŭ la muelejo kaj forĝejo de Ekeby. Sed la stacio portas la nomon « Rottneros », apenaŭ videblan ĉe ĉifitaj nuboj. Tio ĉi ne estas legendo, sed Vermlando en la hodiaŭa realeco. Tra la Löven ne rapidas juna grafino Dohna por atentigi Göstan Berling, sed sur Mellanfryken kolektiĝas sovaĝaj anseroj por flugi suden, ĉar estas aŭtuno. Neniu Melhioron Sinclair mi renkontas survoje. Neniu « Portugalia Imperiestro » kun falsbrila ordenaro sur sia brusto fantaziumas pri amo al junulino. « Nevideblaj ĉeneroj » ligas la Vermlandon de l'pasintaj tempoj kun la nuna. Legendoj flustras pri Sorĉuloj kaj homoj. Super « Gurlitta-Klätt », kiun la ŝoforo realigas je « Tossebergs klätt », kuŝas griza nebulo. Jes, la ŝoforo — « La veturigisto » — forviŝas la pluverojn de la ŝirmvitro. « Lanuga ideto » ne povas esti ekstere en tia vetero.

La aŭto haltas ĉe Marbacka.

Meze de laboro pri nova novelo sidas la poetino, akademiano, doktoro, kiu malgraŭ ĉiuj siaj titoloj estas *nur* Selma Lagerlöf por siaj najbaroj... Kaj ŝiaj najbaroj estas la tuta anaro de Vermland. En Marbacka la betuloj estas pli orflavaj ĉi-antaŭe, ol alian jaron, orbrilaj kiel la « Mono de Sinjoro Arne... » se ĝi estis el oro.

Interne, en la salono, kie unu el la prapatroj, pastro, rigardis malsupren per mirantaj okuloj el sia kadro, venas D-ro Lagerlöf. Funebra sonorado sonas malproksime, en la preĝejo de Bro-Sunne. Ekstere regas nur nebulo griza, sed malantaŭ ĝi venas suno kaj arĝentigas la grizon. Simile al la haroj de Selma Lagerlöf kun mildaj arĝent-ondetoj, ne tute glataj kaj ne plu krispaj.

Estas aŭtuno. Sed ĝi ne povas eniĝi malantaŭ la blankajn kolonojn kaj pordegon de Marbacka.

— La nova novelkolekto de Selma Lagerlöf ja nomiĝas « Aŭtuno ». Ĝi ŝajnas likvido. Ĉu konfeso ?

— Pli konfeso, ol novelo.

— Laŭ la postsignoj de l'giganto. » Mi aludas pri Thomas Carlyle.

— Ĉu via instrumajstro, ŝatata verkisto ?

— Jes. En la « Legendo pri legendo » mi rakontas multe pri mi mem, sed ne menciis Carlyle-on. Oni ne estus kredinta min — tiam.

— Ĉu oni trovas ion veran el la vivo de S. Lagerlöf en viaj verkoj ?

— Estas ja ĉio, kion oni pensis mem travivi. La priskribatajn personojn oni igas agi tiel, kiel oni mem estus farinta en la koncernaj medio kaj cirkonstancoj. Ĉu en amo, malamo aŭ religio — oni ensentas sin en la vivpecojn, kiujn oni skizas.

— Jen demando ŝajne maldiskreta, sed ofte direktata al ni de la legantaro : ĉu vi estis iam fianĉino ?

— Rideto aperas sub la palpebroj iom pezaj, kiam ŝi respondas :

— Demandu kuraĝe. Neniam mi estis fianĉino.





— Kiu libro respondas pleje la proprajn intencojn de la aŭtorino ?

— La mono de Sinjoro Arne. Ĝi estas verkita en unu peco, ununura peco. Sen stilmankoj. Mi konsideras tion grava, kvankam la legantoj ne faras same.

— Kiun lingvon opinias la Doktorino plej taŭga por la persona verkista lingvaĵo de Selma Lagerlőf ?

— Eble la francan. Sed estis hazardo, ke oni tradukis min al la franca. Fraŭlino Tekla Hammar studis la francan lingvon en la universitato de Uppsala, ĉe Bellsort. Ŝi ricevis kiel taskon traduki svedan libron al la franca, kaj ial ŝi elektis la unuan parton de « Jeruzalemo ». Profesoro Bellsort — la nuna redaktoro de « Revue des Deux Mondes » — entuziasmiĝis kaj pere de li mi estis enkondukita en Francujon. La angla estas malplej sukcesinta. La germanoj ja povas pli facile eniĝi en la priskribatan medion... kio koncernas miajn verkojn. Mi havas du germanajn tradukistinojn. La norvega kaj dana estas kiel la sveda, nuraj dialektaj diferencoj.

— Ĉu Doktorino Lagerlőf mem kunvivis la legendon de Gősta Berling, aŭ vi estis grizulo, kiu rifuĝas al la poezia mondo laŭ sia verkista emo.

— Ĉi-lasta, mi ja estis instruistino.

Flava estas la foliaro de l'betuloj ĉe Lőven. Flavaj la flosaĵoj trenataj de boateto sur Fryken. Griza la nebulo. Nigra kaj blanka la ŝafaro, kiu sin paŝtas sur la Tolitakampo. Sed ili griziĝas kiel la ŝtonoj ĉe la bordoj de Fryken. La sovaĝaj anseroj formas fluggrupon en la alto. La ŝoforo — « La veturigisto » — diras.

— Jen-jen, Selma Lagerlőf ne volis, ke oni festu ŝin dum ŝia naskiĝtago, sed tamen estos festo tra la tuta Vermlando.

---

Jene finas sian belan artikolon Daniel Berg en « Stockholms-Tidningen », sed ni povas aldoni, ke la 75-an datrevenon de la naskotago de l'blankhara, noblanima sveda aŭtorino oni festis ĉie en la mondo, kie vivas la e‹kreska, sed gigantpova liter-infanaro de paĉjo Gutenberg... Tra la tuta kulturmondo. La esperantistoj estas riĉaj, ĉar ili havas, en fidela traduko de Stellan Engholm, la « Monon de Sinjoro Arne ». Pli frue aperis en Stokholmo la « Junulino de Stormyr », tradukita de Oscar Frode. Kaj nun estas en preparo du ĉefverkoj de S. Lagerlőf en Esperanto : la romantike rava Gősta Berling kaj la instrue interesa Nils Holgersson aperontaj en Amsterdamo. Selma Lagerlőf, kun kiu la subskribinto havis la honoron fari intervjuon je pli frua dato, mem studis Volapükon kiel knabineto kaj poste sekvis la evoluon de la mondlingva problemo kun konstanta intereso. Ŝi volonte permesis esperantigi siajn verkojn. Kaj ŝi aldonis specialan bondeziron por la paclaboro de l'Esperantaj pioniroj.

Ŝiaj verkoj estas: La legendo pri Gősta Berling (en la sveda eldono aperis 140,000 ekzempleroj), « Nevideblaj ĉeneroj », « La mirakloj de Antikristo », « Reĝinoj en Kungahålla », « Legendoj », « Biena legendo », « Jeruzalemo », « La mono de Sinjoro Arne », « Kristlegendoj », « La veturigisto », « Legendo pri legendo », « La imperiestro de Portugalujo », « La hejmo de Liljecrona », « Sorĉuloj kaj homoj », « Ekskomunikita » (kontraŭmilita verko), « Zachris Topelius », « Marbacka », « Charlotte Lőwenskőld », « La Lőwenskőlda ciklo », « Anna Svård », « Memorlibro de infano », « La mirinda veturado de Nils Holgersson tra Svedujo » (sveda eldono : 350,000 ekz.). Entute 2 milionojn da ekzempleroj oni vendis nur en Svedlando el la verkoj de la granda instruistino. Pluraj el ŝiaj verkoj estas prezentataj en teatroj, aŭ estas filmigitaj.

Kaj la 75-jarulino ne ripozas. Ĵus ŝi aperigis novan verketon kun biblia motivo « La skribaĵo sur la terplanko » (aperinta dum Oktobro 1933). Kiel fino staru tie ĉi la mallonga antaŭparolo de la libreto :

*« Jen mia donaco al la helpagado por apogi la intelektulajn rifuĝintojn. Ke ties alvoko ne forsonu sen aŭskulto. Selma Lagerlőf. »*



**La bildoj prezentas :**

**Supre : En regiono Sunne, en la koro de la belega Vermland : MARBACKA la bieno de la verkistino**

**Malsupre : Selma Lagerlőf Apud ŝia labortablo en Marbacka**

*Kliŝoj : Revuo de Vrouw (Patia) Antverpeno*

(Artikolo trad. de

## PERDITA ŜUO

### DE AVOTO

Ĉe la bordo de la maro
Mi malsekan ŝuon trovis.
Sur la sablo, kaj la ondoj
Saŭmis, kaj la vento blovis.

Post la nigraj nubodigoj
Kaŝas sin somera suno,
Tamen pluvo malvarmeta
Frapis vangon per aŭtuno.

Kies ŝuo jam ĝi estis?
Mi demandas min scivole;
Sur pied' de belulino
Ĉu ĝi dancis tro petole?

Ĉu en glaciecaj akvoj
Ŝi droniĝis forgesite?
Ĉu la maro nokta glutis
Ŝiajn larmojn senhezite?

Per tremanta mano tenis
Mi la kompatindan ŝuon;
En oreloj miaj laŭte
Muĝis ondorompan bruon.

Per okuloj timigitaj
Serĉis mi la horizonton,
Kvazaŭ atendante spektron,
Aŭ teruran ekvenĝonton.

Sed la pluvo nur batetis,
Kaj la ondoj tondris daŭre,
Kaj la ŝuon markreskaĵo
Ĉirkaŭdrapis kvazaŭ laŭre.

Per kalkan' mi sulkon fosis,
Por malgaja tombo sabla;
Ombropense mi klopodis
Pri funebro malagrabla.

Kvazaŭ preĝon mi murmuris:
Ke la bona Dio donu
Al la portintin' feliĉon,
Kaj ke mi ŝin baldaŭ konu.

Ĉu sur ter' aŭ en ĉielo
Mi renkonti ŝin sopiris,
Ĉar el ŝia ŝu' haladzo
Dolĉa, ama, radiiris.

Ĉio, kion homo tuŝas
Sorbas ties mensinfluon,
Tial mi emociiĝis
Kiam trovis mi la ŝuon.

## Tra la libraro

**Prilingvaj verkoj — Vortaroj — Ŝlosiloj**

Jen por Germanoj, *Heroldo Taschenwörterbuch Esperanto - Deutsch und Deutsch-Esperanto* ankaŭ sufiĉa por legantoj aŭ komencantoj. Krom la oficiala radikaro aperas ankaŭ geografiaj kaj personaj nomoj. Novaĵo estas la verdkolora kajero inter la du partoj; tiu « Suchbüchlein » estas aboce ordigita informaro pri niaj asocioj, ĵurnaloj, libroj, aŭtoroj, unua provo de Esperanto enciklopedio.

La *Heroldo Jugend Wörterbuch Esperanto-Deutsch* estas vestpoŝ - formata, iom mallongigita represo de la unua parto de l'ĵuscitita.

*L.E.A. — Vortaro Esperanto-Deutsch*, kun 6000 vortoj, estas ne burĝa, sed proleta vortaro; ĝi akceptis esprimojn pri socialpolitiko, marksismo kaj « spite al la reakcia stagno de Akademio », enkondukas neologismojn (ekz. femo, fenilo, forci, fordo, fuzio, golo, k.t.p.) preferas simpligitajn formojn (ekz. abnego, aboli, abstino, alkalo, apelo, arbitro, avio, k.t.p.) sed tiu forigo de pseŭdosufiksoj (aci, ici, enc, i, k.t.p.) ne estas ĝenerala, kial ? Ankaŭ la adverboj fariĝas : « adie, ankore », aŭ « ant, ĉirk ». La preso kaj aranĝo estas bona, sed oni miras ke ĝuste tiu vortaro havas tiom da primilitaj terminoj; suspektemulo povus el tio tiri strangan konkludon.

La du malkaraj *Wörterbuch Deutsch - Esperanto*, kaj *Wörterbuch Esperanto - Deutsch* de Emil Pfeffer estas represoj de l'antaŭaj eldonoj. Tamen al la unua (14-16 miloj) aldoniĝis tabelo de la plej ofte uzataj propraj nomoj, dum la dua (19-21 miloj) estas tute senŝanĝa, kun la kvara oficiala aldono ankoraŭ apartigita.

Kaj jen estas aro da novaj (unu nove represita) ŝlosiloj aŭ samformataj vortaretoj. *Radikara Vortaro Esperanto-Pola* (216 paĝoj) kun vortaro de propraj nomoj kaj de mallongigoj, detalaj klarigoj pri ĉiuj afiksoj kaj afikse uzataj radikoj, (ĉu kelkaj vortoj mankas ĉar similaj en la du lingvoj, aŭ kial ?) : *Nyckel till Esperanto*, nova eldono de la ŝlosilo por svedoj kun la kutima enhavo; tre interesa *Araba ŝlosilo*, dukapa, ĉar la libreto, pro la araba skribo, komenciĝas je la du flankoj; (tiu bela sed por ni mistera skribo memorigas parolon kiun mi aŭdis de fakulo : ke por lerni nur la arabajn literojn oni bezonas tiom da tempo ol por ellerni esperanton); fine turkaj (la Turkoj ĵus anstataŭigis la araban literaron per la latina, perdante je arto, sed gajnante je facileco), du turklingvaj libretoj, iom primitive eldonitaj, sed en postaj eldonoj plibonigotaj : *Ogreminiz Esperantlo*, ŝlosilo Esperanto — turka kun gramatiko kaj afiksaro, *Türkçe-Esperanto lugat kitabi*, Turka-Esperanta vortareto, kiu permesas enrigardon en fremdan lingvon, kaj *Türkçe-Esperanto Talim kitabi*, ekzercaro kun ekzemploj, frazoj en la du lingvoj.

La verketo de E. Drezen : *Problemo de Internacia Lingvo*, presita kun apudaj tekstoj rusa kaj esperanta, meritas atenton kaj diskuton. Ĝia historia parto per interesaj detaloj jam diferencas de la kutimaj resumoj : ĝi servas al aŭtoro profeti la estontecon : Esperanto estas nur provizora solvo; iam iu lingvo universala naskiĝos kiam la diktaturo de l'proletaro estos ĉiulanden disvastiĝinta. Li ligas la priesperantajn faktojn kun la politika evoluo : Volapük kaj Idiom Neutral reprezentas individuan kaj parlamentan regecon; Ido estas reakcia movado de teknika intelektularo kun kontraŭkolektivisma tendenco. Sian sukceson Esperanto

ŝidas : 1e al la aglutina karaktero de la lingvo-strukturo kiu faras la lingvon ne nur eŭropa sed interkontinenta, 2e al la kolektiva kreado kaj pliriĉigo, kiu destinas ĝin esti la lingvo de la revolucia proletaro. Laŭ la aŭtoro estiĝas nun du dialektoj en Esperanto : la burĝa kaj la proleta ; nur proletaro hodiaŭ progresigas la lingvon, uzas ĝin praktike kaj libere, direktas ĝian evoluon, baldaŭ plene regos ĝin per la nombro de siaj anoj, de siaj presaĵoj ; ĝi « sola povas nuntempe verŝi novan sangon en la vejnojn de l'klasika Esperanto » La burĝaro eĉ ektimas Esperanton kaj tial favoras al Interlingua, Occidental aŭ Anglic. Interesa rimarko estas ke por ĉiam pli multaj, Esperanto ne estas plu fremdlingvo, nura tradukilo, sed ke ĝi fariĝis, samgrade kiel naciaj lingvoj, instrumento de pensado, ilo de « reala konscio ». Alia ke la praktiko montris, per spertoj faritaj en Ruslando kaj Ukraino, ke studinto de Esperanto pli facile kaj pli volonte eklernas fremdan lingvon ; tial Esperanto fariĝis deviga en superaj lernejoj de Ukraino por estontaj instruistoj de fremdaj lingvoj.

Ankaŭ tre interesa, laŭ lingva vidpunkto, *Fremdvortoj en Esperanto*, de Paul Neergard, pri problemo ofte studita sed malfacile plene solvebla. La aŭtoro senpartie ekzamenis ĝian nunan staton, taŭge rezonas kaj elektas ekzemplojn, konkludas el la faktoj, tre singardeme, ĉar apud lingvistika scienco ankaŭ efikas la lingva instinkto ; prave li diras : « Elokventa kunmetado de oficialaj radikoj estas centoble pli valora ol senripoza fabrikado de neologismoj. » Bedaŭrinde nia oficiala radikaro pekas kontraŭ analogo, simplo, reguleco ; kial multaj duoblaĵoj kiel « civilizacio — civilizacii » dum aliaj laŭ « rezignacio — rezigni » ; kial serio kun « biologio-biologiisto » kaj alia kun geologio-geologo, unu per « gimnastikisto-gimnastiko », alia per « lingvisto-lingvistiko ». Ĉu enkonduko de sufiksoj « ik kaj i » ne alportus plian regulecon ? Ĉu por komunaj bestoj kaj plantoj simplaj nomoj ne estus preferindaj al la latindevenaj ? La aŭtoro agnoskas ke estas neeble kateni la lingvon per rigidaj reguloj kaj konstatas ke la ĝisnuna evoluo jam plibonigis ĝian vortaron ; li opinias, ke se la principo de internacieco estis dum propaganda epoko kaj ankoraŭ nun la ĉefa, ĝi estonte cedos la unuan lokon al la principo de koncizeco, kiu preferigos formojn simplajn, regulajn, cetere laŭfundamente kreeblajn. Tiun bonan studon ŝatos niaj lingvemuloj.

La konata zamenhofa artikolo el Fundamenta Krestomatio, « Esenco kaj estonteco de la ideo de lingvo internacia », kvankam malnova, restas por kleruloj unu el la plej konvinka pledado. Ĝi reaperas en apudaj esperanta kaj franclingva tekstoj (traduko de M. Jaumotte) sub la titolo : *La langue internationale, le problème et sa solution*, kaj en tekstoj esperanta kaj flandra (traduko de W. de Schutter) sub artikolo : *De Internationale Taal, Het vraagstuk en zijn Oplossing*. La du broŝuroj estas bonegaj propagandiloj, ĉar legado de l'argumentoj persvadas, kaj komparo de la du lingvoj instruas certe atentulon. Sed ĉu la iama franclingva traduko de de Beaufront kaj Dr. Vallienne ne estis sufiĉe bona por represo ?

En sveda lingvo, sed kun resumo esperanta, *Minnesskrift*... estas Memorskribaĵo pri la 25a jubileo de Esperanta movado en Gefle, agado loka kaj enlanda, kun portretoj de pioniroj kaj komitatanoj ; en hispana lingvo : *¿ Qué es Esperanto ?*, propagandilo kun citaĵoj, gramatika resumo, ekzercoj kaj vortaro esperanto-hispana, eldonita je 1.200 ekzempleroj ; *Kalendaro de J.P.E. 1933* (Internacio de Proleta Esperantistaro) kun loko por ĉiutagaj notoj kaj informoj estas ja kalendaro ne burĝa, sed proleta kaj klasbatala !

Du gvidlibretoj pliigas la kolekton de tiuj utilaj presaĵoj : *Gvidlibreto tra Kortrijk*, Belglando, bele ilustrita, aperis okaze de 5-jara jubileo de l'loka Esperanta Grupo ; historia skizo, linindustrio, vidindaĵoj de l'urbo kaj ankaŭ plano, tiel utila sed ofte bedaŭrinde manka en tial reklamiloj ; *Gvidlibreto tra la universitaturbo Tartu*, ankaŭ kun bildoj, prezentas la vidindaĵojn de l'lando, rondiron tra l'urbo, la dua en la lando, pli grava per siaj multaj altlernejoj kaj konstruaĵoj malnovaj aŭ modernaj ol fremdulo imagas, kaj informojn pri la 300-jara universitato, ĝiaj multaj fakaj institutoj, kun 3.300 studentoj kaj biblioteko kun 600.000 volumoj.

Ludemuloj trovos distron en la tri jenaj ludoj : *Societa Ludaro*, de Jakob Rosenberg, kiu helpos grupestrojn agrabligi kunvenojn per 50 ludoj, kiuj samtempe interkonatigas la membrojn, devigas ilin paroli, estas amuzaj per si mem aŭ per la spritaj pungarantiaĵoj proponitaj ; *Intima Frazludo*, de la sama aŭtoro, aŭ *Flirto esperanta* de edz-peranto ; ambaŭ tiuj konsistas el kartoj kun demandoj kaj respondoj (multaj proverboj el la zamenhofa kolekto) disdonotaj inter la ludantoj ; sed la klarigoj ne sufiĉe precize instruas la ludmanieron, ĉu la respondojn oni elektu laŭ flornomoj, respektive nombroj, aŭ laŭ la enhavo ? kaj ĉu gajajn ridojn devas elveki missencaj renkontoj ; ĉu ekzemple la demando : « Kiel venas studinta fraŭlino plej facile en doktorecon ? oni respondas per : « Ĝi estas nek lakto nek selakto » ; ĉu al deziresprimo : « Mi volas malsekiĝi sub pluvo de viaj kisoj », taŭge sekvas : « Granda kranio sed interne nenio ». La unuan, Intima Frazludo, akompanas « Botanika vortareto » esperanta-estona, kiu ja devus esti multlingva, ĉar tre kredeble, eĉ lertaj samideanoj ne konas la dekonon de l'uzitaj botanikaj vortoj.

*G. S.*

*Postnoto.* Multaj el la suprecititaj libroj alvenis antaŭ monatoj, sed diversaj malhelpoj malfruigis la aperon de l'recenzo ; antaŭ la kreskanta nombro de l'presaĵoj, la recenzanto devis maldetale raporti ; pro la prokrasto kaj la koncizo, li petas de l'legantoj, eldonantoj kaj aŭtoroj, afablan pardonon.

---

# ABELAĴOJ

De SALDANHA CARREIRA.

Ĉe truo de korba sidejo, abela, loĝanto aperas.
Ĉielo tre nuba, malgaja mateno.
— Ĉu pluvas, ne pluvas...
Maldekstren kaj dekstren la eta kapeto rigardas hezite!
Malgrandaj, tiklemaj gutegoj valoras nenion...
— Kuraĝon! ŝi diras.
Kaj zume eliras.
— Bontagon, abelo!

La etaj, jukemaj piedoj de l' dolĉaj, mielaj etuloj ĝojigas delire la florojn.

Ĉi-tiuj ŝategas tremantaj la krurajn karesojn; kaj tute sindonas, dorlotas l'insektojn, donacas florpovon pagante mil kisojn.

De floro sur floron flugetas l'abelo, ĉi-tien kaj tien, antaŭen kaj reen, serĉanta, flugetas, laboras...

Adiaŭ, abelo!

Vi jam tro dikiĝis polene la krurojn!
Al hejmo forflugu, al via tavolo, riĉigi la ĉelon mielan!
Forflugu, abelo!
Kaj tra via vojo, ĝis la abelejo, pri via riĉaĵo vi zorgu!
Vi zorgu, abelo!
Vi devos vin gardi, neniam koleri pro via mortiga pikilo!

Adiaŭ... Adiaŭ...

Venteto kantigas abele la florajn kreskaĵojn!
La suno truigis la nubojn kaj tra la lazura pordego, miloblaj radioj disflugas, similaj al oraj, tre oraj abeloj!

# Felikso ZAMENHOF

*In Memoriam*

Kaj re ekmankis unu Zamenhofo!

La senkompata falĉilo de la Morto ne volis ŝpari tiun senlacan pioniron de ĉio plej altanima kaj... tranĉis lian noblan koron lunde la 4-an de Decembro 1933 je la 1 horo matene.

Angina pectoris!... Du vortoj! Kaj ĉesas bati koro kiu dum 65 jaroj funkciis nur por bonaj kaj utilaj agoj. Kaj ĉesas funkcii menso, kiu dum tiom da tempo intense laboris nur por plidolĉigi la vivon al la homaro. Kaj ĉesis vivi tiu homo, kiu malavare kaj senlace dediĉadis sian energion kaj tempon por batali kontraŭ — bataloj. Tutan sian vivon li celis kaj aspiris je pacigo de ĉiuj interbatalantoj, precipe en la Esperantaj vicoj.

Kaj finiĝas la vigleco, la ideaj revoj, la humoro... Kiom da belaj kvalitoj.

Naskita la 6-an Novembro 1868 Felikso Zamenhof, kiu estis la plej vigla el ĉiuj siaj gefratoj jam en la junaj jaroj evidentigas tiun sian econ. Kiel juna knabo li konatiĝas kun la ideo de sia frato kaj fariĝas baldaŭ ties helpanto. La aŭtoro de Esperanto havis do iun kun kiu konversacii en la nova lingvo kaj tiamaniere konvinkiĝi pri la vivebleco de Esperanto. Kiam aperis la Unua Libro, al kies efektiviĝo li multege helpis, li, ĉiam kunlaborante kun sia frato, donis la unuan puŝon al la propagando. Li okupiĝis pri la administra flanko de la afero. Li pakis, adresadis kaj dissendadis laŭ diversaj pene akiritaj adresoj. Kaj li meritas la dankojn, ke la unua broŝuro tiel rapide kaj tiel efike elflugis la mondon. Modesta kaj senbrua estis lia helpada laboro tamen kiom utila!

En la unuaj jaroj de Esperanto, en la Nürnberga « La Esperantisto » ni jam trovas liajn verkojn. « Vizito de la steloj sur la tero » estis la nomo de lia unua verko, kiu aperis en la unuaj numeroj de « La Esperantisto ». Poste li ofte aperigadas siajn originalajn — plejparte tre bonhumorajn — versaĵojn. En « La Revuo » de Carlo Bourlet, ĉu en la ĝeneva ESPERANTO, ĉu en « Ondo de Esperanto » /Moskvo/, ĉu en « Pola Esperantisto » ni renkontadas lian skribaĵojn plej ofte sub pseŭdonimo : Fez au FeZ. Ankaŭ aparte li eldonis la poemeton : « Homa Doloro » kaj « Aro da poeziaĵoj ». Tiu lasta — kiel cetere preskaŭ ĉiuj liaj verketoj — estas speciale rimarkinda pro la « interna voko », kiu lin ĉiam puŝadis. Tiun vokon — kiel li mem poste ofte konfesis — inspiris al li kaj tre en li ŝatis la frato Ludoviko.

Speciala amo estis en Felikso Zamenhof al infanoj. Tutan preskaŭ sian vivon li dediĉis al tiu malgranda hometaro. Li aktive partoprenis la instituciojn por protekti kaj eduki orfojn. Li verkadis ankaŭ por ili komedietojn kaj aliajn teatraĵojn, kiujn li mem reĝisoris. Por povi interkompreniĝi kun ili, li eĉ speciale tiucele lernis ilian /hebrean/ lingvon.

Ĝis siaj lastaj jaroj Felikso Zamenhof, en horoj liberaj de sia farmacia okupo, verkadis esperante. En ĉiuj liaj verkoj videbliĝas — kvazaŭ unu fadeno — la celo : unuigo. Por la Kolonja Kongreso li estis feliĉa povi prezenti poemeton pri unuigo. Li estis senlaca pioniro, kontraŭbatalinta la interbatalojn...

Modeste, senbrue pasadas la vivo de Zamenhofoj.

Modeste ili vivas, kaj modeste... mortas.

En tago malluma — simila al tiu dum kiu ni enterigadis lian fraton Ludovikon — transportita estis lia korpo en la tombon.

Fidela samideanaro partoprenis la funebran ceremonion. Adiaŭis en plej tuŝantaj vortoj la neforgeseblan mortinton la varsovia esperantistaro kaj reprezentantoj de la filantropiaj institucioj, kies plej aktiva membro li estis.

Ĝuste je la 13-a komenciĝis la ceremonio en la tombejo per religiaj kantadoj, plenumitaj de l'varsovia ĉefkantoro Szerman kun lia varsovia ĉefsinagoga ĥoro. Sub gvido de S-ano Wiesenfeld la tuta ceremonio daŭris ĝis 14½-a horo.

En la nomo de la orfoj — al kiuj Felikso Z. anstataŭis patron-adiaŭis orfino de l'institucio, kie li estis dum 10 jaroj prezidanto.

En la nomo de l'Societo por protekti orfojn — S-ro Birnbaum.

En la nomo de la tuta Esperantistaro en Polujo /kaj de la krakovaj societoj precipe/ — Prof. Dr. Odo Bujwid, prezidanto de P.E.D. /pole/, kiu speciale alvenis Varsovion el Krakovo.

En la nomo de ĉiuj varsoviaj societoj — S-ro Juljan Jarecki.

En la nomo de la gazetaro — red. Uziĉblo /pole/.

En la nomo de la eksterlanda esperantistaro adiaŭis esperantlingve — Edvardo Wiesenfeld.

Por fini la adiaŭad-serion ree infanc-orfino kortuŝe priploris la mortinton.

Belegaj flor-kronoj ornamis la funebran veturileton sur kiun la samideanaro puŝis la keston kun la korpo de la neforgesebla mortinto ĝis la tombo, proksime de la ripozejo de l'majstro.

Ree la kantoro kantas kaj preĝas kaj... la ceremonio estas finita. Ĉiuj disiras. Ĉiuj reiras hejmen. Ĉiuj... Nur Felikso restis.

. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .

Kiam antaŭ nelonge mi sidis kun Felikso Zamenhof kaj interkonsultadis pri aferoj porenciklopediaj mi neniel antaŭsentis, ke tiel proksima estas la tago, kiam mi gvidos la ceremonion de lia enterigo. Ke mi tiel baldaŭ bezonos liajn informojn por... nekrologo pri li mem.

Plej terura surprizo de la Sorto!

Varsovio 6-an Decembro 1933.

EDVARDO WIESENFELD L. K.

# Media vita

DE NOTKER BALBULUS.

Notker Balbulus (t.e. Notker la Balbutulo; 840-912) estas la konata poeto el monaĥejo de Sankt-Gallen. Li precipe famiĝis pro siaj t.n. sekvencoj, t.e. kantikoj, kiujn oni kantas en la katolikaj preĝejoj je altaj festoj inter la « Haleluja » kaj la legado de la S. Evangelio. Verŝajne la sekvenco estiĝis el la fin-jubilado de la « Haleluja », sub kies notojn oni skribis vortojn. Kvankam Notker verkis plurajn, oni nur trovas kvar sekvencojn en la Roma Mesaro de papo Pio V (1566-1572), nome por Pasko, Pentekosto, Tago de l'Korpo de Kristo kaj por la Meso de la Mortintoj. La originala lingvo de ĉiuj estas la latina.

*Meze de l' vivo en morto ni estas :*
*Kiun ni petos helpanto, se ne Vin, Sinjoro,*
*Kiu pro niaj pekoj juste koleriĝas?*

*Al Vi esperis patroj niaj.*
*Esperis ili kaj Vi liberigis ilin.*

*Sankta Dio!*
*Al Vi kriis patroj niaj,*
*Kriis ili,*
*Kaj ili ne konfuziĝis.*

*Sankta kaj Forta!*
*Ne malestime rigardu nin*
*En la tempo de maljuneco;*
*Kiam estos mankanta forto nia,*
*Volu ne forlasi nin.*

*Sankta kaj favorkora Savanto,*
*Al amara morto ne transdonu nin.*

Traduko kaj komentario de Joh. Hartog.

# Bildpaĝo de ESPERANTO



S-ino Morris, Fervora defendantino de l'internacia lingvo, New-York, edzino de l'usona ambasadoro en Bruselo

Provpaĝo el la belega Moderna Esperanto-Japana Vortaro de Yoshi H. I shiguro



( 85 ) etn - ev

**etnologi-o**(エトノろギ'ーオ) 人種學. ～isto～者
**etnolog-o** (エトノろ'ーゴ) 人種學者
**etologi-o** (エトろギ'ーオ) 風俗學. ～isto ～者
**etolog-o** (エトろ'ーゴ) 風俗學者
**etos-o** (エト'ーソ) 氣風, 民族精神, 時代思潮
**etud-o** (エトゥ'ード) 習作; 練習曲
**eŭdiometr-o** (エゥディオメ'ートロ) 測氣管
**eŭdiometri-o** (エゥディオメトリ'ーオ) 測氣管測定
**eŭfemism-o** (エゥふェミス'モ) 婉曲法 [修]
**eŭforbi-o** (エゥふォルビ'ーオ) たかとうだい [植
**Eŭfrat-o** (エゥふラ'ート) ユーフラテス(河)
**eŭfrazi-o** (エゥふラズィ'ーオ) こごめぐさ [植]
**eŭgenik-o** (エゥゲニ'ーコ 優生學
**eŭkalipt-o** (エゥカリ'プト) ユーカリ樹
**Eŭkaristi-o°** (エゥカリスティ'ーオ) 聖餐 [宗]
**eŭnuk-o°** (エゥヌ'ーコ) 宦官
**eŭpatri-o** (エゥパトリ'ーオ) ふじばかま [植]
**Eŭrop-o**(エゥロ'ーポ) ヨーロッパ洲). ～a ～の
～ no ～人. hind'o-～a インドヨ-ロッパの
**eŭropi-o** (エゥロピ'ーオ) ユーロピウム [化]
**Ev-o** (エ'ーヴォ) イブ [聖]
**evaku-i** (エヴァク'ーイ) 撤兵する, 明渡す.
**evangeli-o•** (エヴァンゲリ'ーオ) 福音, 福音書. ～
**event-o**(エヴェ'ント) 事變; 成行き ～isto 福音, 史家
**eventual-a•** (エヴェントゥア'ーら) 未必の, 偶然
の. ～e 必要に應じ, 都合により. ～(aj)o
必然性, 不測の事件. 「明察, 明かなこと
**evident-a•** (エヴィデ'ンタ) 明白な, 自明の. ～eco
**evikci-i** (エヴィクツィ'ーイ) 追奪する [法]
**evit-i•** (エヴィ'ーティ) 避ける. ～ebla 避ける
ことの出來る. ne-～ebla 不可避の. ～
ema, ～an a 回避的な. mal～i 立ちあう
**evolu-i•** (エヴォる'ーイ) 進化する, 發展する
機動する [軍]. ～o 進化; 發展, 機動. ～
ado 進化. ～ipovo 進化能力
**evoluci-o°** (エヴォるツィ'ーオ) =evoluo. ～
=evolui. ～ismo 進化論



Honoratus BONNEVIE Nestoro de la norvega esperant-istaro




Titolpaĝo de nova verko el nederlanda literaturo, en Esperanto



E. Lanti, fondinto de Sennacieca Asocio Tutmonda, demetinta sian funkcion de gvidanto

Esperanto inter Afrikanoj: Vicdelegito de UEA en Lome Togo S-ro Quist kun edzino



Blazonŝildo de l'Helpepiskopo D-ro Eltschkner, Praha, kun insigno de l'Katolika Esperantista Ligo




Honora medalo de ICK al S-ro Nylén



# Diversaĵoj

## Akcepto ĉe S-ino Morris
**en la USA Ambasadorejo en Bruselo**

Sinjorino A. V. Morris, edzino de la ambasadoro de Usono en Bruselo, invitis Esperanto-delegacion.

Afabla akcepto de la Delegitoj de Esperantista Brusela Grupo okazis la 8an de Novembro en la impona salonego de la ambasadorejo. Dum tekunveno, okazis vigla interparolado en Esperanto, kun Sinjorino Morris kiu jam de jaroj sin okupadas en Usono, pri la helplingva afero kaj kreis la societon : International Auxiliary Language Association (I.A.L.A.).

La bruselaj samideanoj ricevis broŝuron enhavante la raporton de I.A.L.A. por 1932 en kiu oni trovas opiniojn kaj laŭdajn pruvojn pri la valoro de Esperanto.

S-ino Morris bonege parolas Esperanton. La delegacio estis ankaŭ honorata per la alveno de la Ambasadoro, kiu aŭskultis la konversacion kun granda intereso kaj kiu petis detalojn pri nia movado. (Ch. L.)

## Turismo

John Berggreen, norvega repr. de Skolta Esp. Ligo travojaĝis en Hungarujo 2963 kilometrojn kaj faris en dekdu urboj antaŭ 4800 personoj 25 paroladojn kun Lumbildoj pri Norvegujo. Multloke li parolis en skolttrupoj, montrante, kiel bona propagando estas por Esperanto tia lumbildparolado pri fremda lando.

« Esperanto-Klubo en Wien » arangis 9.XI.33 tre bone vizitatan lumbild-paroladon de registara kons. Hugo Steiner pri « Danujo, Svedlando kaj Liechtenstein ». La paroladanto substrekis la valoron de Esperanto en la turisma varbado. Li menciis la diversajn varbvojaĝojn por « Aŭstrio », subtenitajn de ŝtataj kaj aliaj aŭtoritatoj, dum la lastaj jaroj. Li akcentis en ĉeesto de la multaj oficialaj reprezentantoj la novajn sukcesplenajn laborojn de Aŭstria Esperanto-Asocio, i.a. la « Esperanto-servon por la eksterlando per Radio » ĉiumerkrede, agado pli kaj pli ŝatata de oficialaj instancoj. Ĉeestis por financ-ministro D-ro Buresch : D-ro Weisser, por instru-ministro D-ro Schuschnigg : Reg. kons. Schubert, por komerc-ministro Fritz Stockinger kaj por ŝtatsekretario Neustädter-Stürmer : Sekcia ĉefo Fuchs, por landestro Reither : Reg. kons. D-ro Hofmockl ; plue Dana konsulo V.V. Broch nome de la registaro de l'princlando Liechtenstein : Dir. Hartmann, Magnificenco prelato D-ro Tomek, la rektoro de la universitato Wien, kortega kons. D-ro Schumann (teknika altlernejo), Reg. kons. v. Josch (akademio de belaj artoj), supera konsil. Langer (por la prez. de la federaciaj fervojoj Generalo Vaugoin), Dir. D-ro Wilhelm (por la prez. de « Aŭstria Trafik-oficejo », D-ro Strafella kaj por ĝen. dir. D-ro Steyrer) ; plue episkopo Tüchler, Generalo barono Odelga, sekcia ĉefo D-ro Uebelhör, landlernej-inspektoro kortega kons. D-ro Wollmann ktp.



## *En kelkaj linioj*



*** Esperantistaj vespermanĝoj okazas ĉiumonate 20-an, ĉe restoracio Lacoste 13, rue Béranger (Métro : Temple aŭ République), 19,30 h. Prezo : 10 fr. — Se la 20-a estas Sabato, tiam la vespermanĝo okazos antaŭan ĵaŭdon. Informu pri partopreno : S-ino Soulat-d'Hardivillier, 20, rue de la Corderie, Paris III.

*** *En titolteksloj de lumbildfilmo* kaj en la klarigaj folioj la *« Falu Uranija »* Film-instituto uzas nun Esperanton. Aperis lumbildserioj pri Budapest, la lago Balaton kaj la stepo Hortobagy. Ili tre taŭgas por vigligi la kunvenojn kaj aranĝi lumbildparoladojn. La lumbildojn oni povas senpage prunte ricevi kontraŭ pago de sendkostoj sv. fr. 1.— po lumbildserio ; kaj sindevigo pri resendo. Oni povas peti bildojn ankaŭ pri aliaj hungaraj urboj. La filmoj estas normalgrandaj, kiel kutimaj kino-filmoj, sed nemoveblaj Informas P. Balkanyi, ĉefdel. de UEA, Budapest 507.) (

*** En franclingva libro de Michelis di Rienzi « Musée de Cires » (Souvenirs d'un petit Bourgeois) kiu priskribas eminentulojn el ĉiuj sferoj de penso kaj agado, troviĝas ankaŭ D-ro Zamenhof.

*** Al la listo de varnomoj en nia lingvo, oni povas aldoni la jenajn : *Fortiga*, vino kontraŭ anemio, kaj « Varma », rimedo kontraŭ gripo kaj malvarmumiĝoj. Ambaŭ estas produktaĵoj de Samideano Bouge, farmaciisto en Grasse (Francujo) (Komunikis : UEA-ano 39051).

*** Societo de Esperantistaj Socialistoj en Pollando komencante agadon, alvokas ĉiujn socialistojn al registriĝo per letera aŭ persona ĉe J. Litauer, str. Marsza kowska 81 m. 33, Varsovio, Mardoj 19-20 h.

*** Rotaria Esperanto-Amikaro, ĝisnun en Dresden transiris al Nederlando. Adreso : S-ro Arn. Blocmendal sekretario, Binnensingel 6, Deventer.

## Niaj mortintoj

*Kun sincera bedaŭro ni ricevis informon pri la morto de jenaj samideanoj. Al la familioj ni sendas la esprimon de niaj respektplenaj kondolencoj.*

S-ro Franz Appelt, Delegito de UEA, Ruppersdorf, Ĉeĥoslavakio Oktobro 1933.

S-ino Elly Langrod-Hanau, filino de D-ro Hanau en Wiesbaden, el esperantista familio, fidela anino' 3382 dum 22 jaroj, VD de UEA. (Sen pliaj informoj.)

S-ro Teodor P. Kacarov, Pirdop, Bulgar. (Sen pliaj detaloj ; komunikis IHK.)

F-ino Lucie Vaille, anino 38749 el Boulogne-s.-M. (Sen dato, laŭ informo Baire.)

S-ro Ivan G. Ŝirjaev, ortodoksa pastro, esperantisto de 1895 skribinte sub pseŭdonimo Ivan Malfeliĉulo, 23. X. 1933, en Volovo-Livenskoje, USSR. — Tradukis de Tolstoj « Milito kaj Paco » ; de Dostojevskij, « Fratoj Karamazov », k.m.a. Preparis la grundon por la Enciklopedio de Esperanto aperanta dum 1934 en Budapest. (Komunikis : KMK.)

Finredaktinte tiun-ĉi numeron nin atingis mallonga informo pri subita forpaso de l'patro de Andreo Cseh ; post apenaŭ du monatoj de la morto de lia patrino.

Trans montoj kaj landlimoj flugu al vi, kara samideano Andreo Cseh la simpatio kaj kora partopreno en via aflikto de viaj disĉiploj kaj amikoj.

*Sinceran kunsenton !*




# Universala Esperanto-Asocio

**Centra Oficejo : 1, Tour de l'Ile, Genève**

## Oficiala Informilo

**N-ro 33**

**Administra jaro 1934 : Dec. 1933.**

**Bankkonto:**

**Société de Banque Suisse**

(Schweizerischer Bankverein), Genève.

*Svisa Poŝtĉeko:* Genève I. 2310.

*Jaro* 1933. — Je la fino de l'administra jaro 1933, la Centra Kaso de UEA registris kotizojn : 318 Helpmembroj ; 2785 Membroj ; 3705 Membro-Abonantoj ; 510 Subtenantoj ; 204 DM kaj 53 HM. Sume : 7575.

Aliĝis ankoraŭ du Subtenantoj por 1933 nome :

509. S-ro K. Dimmer, Essen, Germ.
510. S-ro Fernando Zacché, Mantova, Ital.

*Donacoj al UEA.* — Antaŭa listo aperinta en la numero de Aprilo 1933, Informilo N-ro 27 : 35 donacintoj por tuta sumo de

| | | |
|---|---|---|
| | sv. frk. | 458,70 |
| 36. S-ro C. Martin, Laigle, Francujo | fr. fr. | 25.— |
| 37. S-ro C. M. Houghton, Abadan, Persujo | ŝil. | 10.— |
| 38. S-ro S. C. Gil Fillan, Chicago USA. | sv. frk. | 5.— |
| 39. S-ro Bonnier, Lyon, Franc. | fr. fr. | 20.— |
| 40. S-ino Grossmanova, Lazné Bohdoneĉ | kr. ĉ. | 51.70 |
| 41. S-ro Camille Martin, Laigle, Franc. | fr. fr. | 25. |
| 42. S-ino Alice Weigall, S. Diego, USA. | sv. fr. | 34.65 |
| 43. Esp. Grupo Hildesheim, Germ. | Mk. | 20.— |
| 44. F-ino Yvonne Thooris, Bruges, Belg. | fr. belg. | 100 — |
| 45. S-ro Georg Agricola, Genève | Frk. sv. | 32.05 |
| Tuta sumo de donacoj : | Frk. sv. | 600.— |

Al la bonvolaj donacintoj ni esprimas koran sinceran dankon.

*Interkonsento de Kolonjo.* — La adapto de l'administrado de UEA al la nova organizo sinsekvis aktive. Aro da detaloj postulis ampleksan korespondadon kun la Landaj Asocioj aliĝintaj al la Interkonsento. Je la fino de Novembro 14 Asocioj deklaris akcepti la Interkonsenton kaj apliki ĝin. (Aligo de membraro) 12 Asocioj korespondas kun UEA pri detaloj, 9 ĝis nun silentis. Tio estas *bonega* rezultato en tiom mallonga tempo. Ni aldonu ke la traktadoj okazas senescepte en plej harmonia spirito, kaj afera formo, malgraŭ teknikaj komplikajoj ne-antaŭviditaj.

Dume presiĝas la nuna numero la Komitato de UEA ekzamenas la novan statuton. Estas esperinde, ke ankoraŭ dum Decembro 1933 okazu la voĉdono de la Delegitoj. Kaj ĉio plenumita tiam :

*Al nova agado kun kredo kaj fervoro !*

*Speciala numero.* — Ĝia eliro prokrastiĝis pro pluraj malfacilaĵoj kaj neceso *atendi kaj atenti* respondojn de Landaj Asocioj pri detaloj. Ni rajtas diri ke ĝis la 25-a de Decembro, la pli granda nombro de ekzempleroj estas en la manoj de l'esperantistoj. Kiel jam dirite, ricevas ĝin krom la UEA anoj, la membroj de la organizaĵoj kiuj aligis sian membraron. La unua eldono estas 20000 ekz.

*Subtenantoj 1934.* — Malgraŭ la sentebla elirprokrasto de la speciala numero pro la organiza transformo de UEA, alvenas jam kotizoj de Subtenantoj. Ni malfermas la liston per la *unuaj* dek samideanoj kun espero ke la cifero 10 iĝu 1000 ĝis jarfino 1934.

| | | |
|---|---|---|
| 1. | Generalo C. C. di Montezemolo, | Castiglioncello. |
| 2. | S-ro Richard Levin, | Lyon. |
| 3. | S-ino Sara Ullastres, | Mollet. |
| 4. | S-ro Camille Martin, | Laigle. |
| 5. | » Edmund S. Delancy, | Washington. |
| 6. | » Ed. Schauenberg, | Genève. |
| 7. | » de Plançon, | Genève. |
| 8. | » Fr. Ellersiek, | Berlin. |
| 9. | » A. J. Bouwensch, | Soerabaja. |
| 10. | F-ino Hélène Monod. | Morges. |

Koran dankon !

*Novaj lokoj.* — Unua rezulto de l'Interkonsento estas la apero de Delegitoj en novaj lokoj. Jen sekvas kiel unua granda listo de britaj lokoj. Aliaj sekvos.

## Adresaro : Novaj lokoj kun Delegitoj

**Belgujo**

*Middelkerke* (Okc. Flandrio). — D : Maurice Moulart, komercisto, 94 Av. Léopold.

**Britlando**

*Ashford* (Kent). — D : Aubrey George Batt, instruisto, 25 Rising Rd.
*Banbury* (Oxfordshire). — D : S-ino Mary C. Gillett, The Elms.
*Barry* (Glamorganshire). — D : F-ino E. B. Smith, lernejestrino, 61 Porthkerry Rd.
*Bathgate* (West Lothian). — D : D-ro W. A. Gibson, dentisto, 14 Hopetoun Str.
*Bedford* (Bedfordshire). — D : A. W. Janes, jurnalisto, « Avilion », 107 Kimbolton Rd.
*Bishop Auckland* (Durham). — D : F-ino A. B. Edwards, instruistino, c-o Mrs. Spoor, 7 Tenters Str.
*Blackpool* (Lancashire). — D : Reginald Kenworthy, ŝuvendisto 14 Mayfield Ave. South Shore.
*Boolle* (Lancashire). — D : James G. Baxter, filatelisto, 29 Wellfield Rd. Walton, Liverpool.
*Bromley* (Kent). — D : Stanley Bellatti, meblovendisto, ĉe Belson & Co. Ltd., 15 London Rd.
*Burton-on-Trent* (Staffordshire). — D : Sydney Faulkner, 89 Byrkley Street.
*Chapel-en-le-Frith* (Derbyshire). — D : F-ino E. G. Tallent-Bateman instruistino, Stockport.
*Chesterfield* (Derbyshire). — D : Harry Ingham, instruisto, 21 Avondale Rd.
*Chester-le-Street* (Durham). — D : S-ino M. B. Melrose, instruistino, 2, Wellington Terrace, Edmondsley.
*Croydon* (Surrey). — D : Ernest K. Jayne, The Homestead, Orchard Way, Shirley.
*Derby* . — D : L. A. Churchill, farmaciisto, 225 St. Thomas Rd.
*Exeter* (Devonshire). — D : R. W. J. Norton, 84 The Broadway, St. Thomas.
*Gloucester* (Gloucestershire). — D : William Minchin, farmaciisto, 29 Westgate Street.
*Gosport* (Hampshire). — D : Edw. Long, martelisto, 117 Leesland Rd.
*Gravesend* (Kent). — D : S-ino F. J. Wiles, 2 Meadow Road.
*Hastings* (Sussex). — D : J.-J. Boutwood, Holland House, Laton Rd.
*Ipswich* (Suffolk). — D : F. D. Murphy, bankoficisto, 54 Constable Rd.
*Jersey* (Channel Islands). — D : Vernon L. Clift, propagandisto, Elmfield, 23 Peirson Rd.
*Margate* (Kent). — D : J. B. West, poŝtoficisto, Briar Cottage, Westgate-on-Sea.
*Neath* (Glamorgan). — D : F-ino Mair Jones, lernejestrino, Bryn Cerdd, Seven Sisters.
*Oldham* (Lancashire). — D : Charles Bardsley, ŝpinisto, 42 Westbourne Street.
*Ovingdean Brighton* (Sussex). — D : A. J. H. Hulme, egiptologo, Eagle's Way.
*Pontypool* (Monmouthshire). — D : Ivor Williams, vendisto, 8 Penywain Street, Wainfelin.
*Ramsgate* (Kent). — D : S-ino H. Roberts, instruistino, Shirley, Saxon Rd.
*Ruislip* (Middlesex). — D : N. E. Game, ŝipmakleristo, The Homestead, Lime Grove, Eastcote.
*Shrewsbury* (Shropshire). — D : Th. Griffiths, fervojisto, 20 Wood Str.
*Southall* (Middlesex). — D : H. G. Wells, 3 Clear View Havelock Rd.
*South Shields* (Durham). — D : S. H. Fomison, instruisto, 17 Morpeth Avenue.
*Stockport* (Cheshire). — D : J. E. Smith, instruisto, Beech Hill, Wellington Rd. N., Heaton Norris.
*Stoke-on-Trent* (Staffordshire). — D : Cyril Jones, ferajisto, 92 Nile St. Burslem.
*Swindon* (Wiltshire). — D : Leonard A'Court Farr, St. Eia, 83 Croft Road.
*Walsall* (Staffordshire). — D : W. Everton, sekretario, 77 Charlotte Street.
*Wellingbourough* (Northamtonshire). — D : A. W. Norris, tajloro, 32 Doddington Rd.
*West Hartlepool* (Durham). — D : Thomas Shackleton, 12 Melrose Street.
*Weymouth* (Dorset). — D : E. O. A. Brampton, komerca vojaĝisto, 46 Brownlow Str.
*Wrexham* (Denbighshire). — D : G. Bevan, Stanley Villa.

**Insulo Cipro**

*Limassol* (Lemassol). — D : Aĥilo G. Joannidis, ŝtofvendisto, Str. Saripolou.

**Ĉeĥoslovakio**

*Modra* (Slovakio). — D : Pavel Ŝlechta— ĝendarma ŝtaba serĝento.
*Moldava* n-B (Slovakio). — D : G. J. Ferko, bankdirektoro, Roln. vzaj. poklad.
*Skupice* (Bohemio). — D : Pavel Caĥák, lernejestro, u Postoloprt.
*Slavkov u Brna* (Moravio). — D : S-ino Anna Cizkova, lernejdirektorino.

*Solka* pri Nem. Pravnu (Slovakio). — D : Alfred Saliger, lernejestro.
*Uherské Hradiste* (Moravio-Silezio). — D : S-ino Ruzena Vilemova, komercistino, Fandrlikova 180.
*Zlin* (Moravio). — D : Leopold Kralik, oficisto, Podvesna 1488.
*Zwittau-Svitavy* (Moravio). — D : Karl Karger, oficisto, Margaretenstr. 47. VD : Josef Egidy, ĝardenisto, Richard Wagnerstr. 4.

**Ĉinlando**

*Changsha* (Hunan). — D : Chen Tan, c-o Post Office.
*Poatou* (Suiyuan). — D : Li J. Y. c-o « The Poatou Daily News ».

**Francujo**

*Bois-Colombes* (Seine). — D : Roger Bernard, oficisto, 26, rue Pierre Joigneaux.
*Brévands* (Manche). — D : Louis François Gancel, studento.
*Carrières sur Seine* (Seine-et-Oise). — D : René Gazanhes, bankoficisto, 10, rue P.-Curie.
*Coulommiers* (Seine-et-Marne). — D : P. A. Cheutin, aviadisto, 12, rue Beaurepaire.
*Fouday* (Bas-Rhin). — D : Willy Straub, instruisto.
*Hyères* (Var). — D : S-ino E. Ith, komercistino, Villa "Clémentine, Av. Beauregard. VD : S-ino M.-L. Lanoux, komercistino, « Myosotis », 4, av. des Ilse d'Or.
*Le Puy-en-Velay* (Hte-Loire). — D : Fernand Jammes, profesoro, rue de Ronzon.
*Liévin* (Pas-de-Calais). — D : Leonard Viseux, akcizestro, Abattoir.
*Rousset* (Drôme). — D : Joseph-Jules Roinat, agrikulturisto.
*Saverne* (Bas-Rhin). — D : Eugène Lechner, poŝtoficeja direktoro.
*Vervins* (Aisne). — D : Georges Fauchart, professoro, Pl. Papillon.
*Villiers-sur-Marne* (Seine-et-Oise). — D : Charles Pierrot, kontoregistristo, 12, rue Anatole-France en Coeuilly.

**Germanujo**

*Finsterwalde* (N. L.). — D : Walter Kunzke, fervoja asistanto, 32 Forststr.
*Gersdorf* (Sachsen). — D : Reinhard Wolf, komercisto, n-ro 162.
*Hof* a.d. Saale (Bayern). — D : Friedrich Stang, supera instruisto. Theresienstrasse 1 ½.
*Krummenhennersdorf* (Sachsen). — D : Karl Schmidt, instruisto.
*Wildeshausen* i-V. — F-ino Käthe Tiedeken, « Villa Waldesruh ».

**Greklando**

*Kavalla* (Kavalla). — D : Nikolao Spagadoros, kalkulisto, Str. P. Kountourioti 1. VD : Moïse Strumza, kalkulisto, Banque de Salonique.
*Plomari* (Insulo Mitilino). — D : Georgo K. Marangelis, oleo-fabrikanto.

**Hispanujo**

*Cassá de la Selva* (Catalunya). — D : Josep Gargantua Puig, ŝukomercisto, N. Salmer on 7-18.
*Gijon* (Asturias). — D : D-ro med. Justo del Campo, kuracisto, Francisco Ferrer 83. VD : Rafael Fernandez, tapetfaristo, Blasco Ibanez 21.
*Torremolinos* (Malaga). — D : P. J. Loman, komercisto, « La Loma ».

**Hungarujo**

*Bánréve* (Gomör. m.). — D : F-ino Emma Hengge, poŝtkontrolistino.
*Hosszúpályi* (Bihar vm.). — D : Béla Nagy, notaria lernanto, Községhaza.

**Jugoslavio**

*Sibenik* (Dalmacio). — D : Aleksander Anweiler, komercisto.

**Nederlando**

*De Bilt* (Utrecht). — D : J. H. van Rosmalen, lernejestro, Soestdijksche straatweg 133.

**Nederlanda Hindujo**

*Jogjakarta* (Djokja-Java). — D : W. F. J. Geldmaker, instruisto, Kebon Dalem 6.
*Magalang* (Midden-Java). — D : A. Bakker, mezlerneja prefosoro, Leeraar M.O.S.V.J.A.
*Pontianak* (Borneo). — D : Ch. E. Sleebos, doganoficisto, douanambtenaar.

**Polujo**

*Lask* (Lodz). — D : D-ro med. Josef Sztulman, kuracisto, Kosciuszki 4.

**Portugalo**

*Alhos Vedros* (Extremadura). — D : Pedro Aquino Jr., fandisto, Rua 5 de Outubro.
*Alter de Chao*. — D : Enriqué José Teixeira.
*Arruda dos Vinhos*. — D : Mario Alexandro Leal, Caixa Geral dos depositos.
*Evora* (Alentejo). — D : Manuel Pontes de Oliveira, instruisto, 4, rua de S. Mamede.
*Leomil* (Beira Alta). — D : Admar José Pinto Zilhao, instruisto, Lamego.
*Santa Comba Dao* (Beira Alta). — D : Cesar Anjo, studento.

**Svedlando**

*Arkösund* (Östergötland). — D : Konrad Persson, terkulturisto, Lindö.
*Lagmansholm* (Västergätland). — D : Nils D-B. Tengroth, instruisto.

**Svislando**

*Aathal* (Zürich). — D : Otto Flüeli, bakisto, Restoracio « Schwanen »

**Urugvajo**

*Treinta y Tres*. — D : Oscar de los Santos Diago, komercisto.

**Usono**

*Kingston* (Luzerne). — D : Edward W. Pharo Jr., elektr. inĝeniero, 387 Chestnut Street.
*Sharon* (Pennsalvania). — D : Robert Wentz, leterportisto, 112 Ormond Av.

*La supraj elektoj fariĝos valoraj se ĝis 30 tagoj post la nuna publikiĝo neniu membro protestos pro gravaj kaŭzoj. Intertempe la novaj D kaj VD agas provizore.*

**EKSIĜOJ & FORSTREKOJ :**

Ne plu estas D en jenaj lokoj :

*Aŭstrio:* St. Johann i.T. — *Brillando: Horsham.*
*Ĉeĥoslovakio:* Banovce nad Bebravou ; Eisenberg-Jezeri ; Malnice ; Nitra ; Pravice ; Roznava ; Ruppersdorf.
*Danlando:* Aalborg ; Hellerup. *Francujo:* Drancy ; Pontarlier ; Wattrelos. *Germanujo:* Breisach ; Duisburg-Hamborn-Wanheimerort ; Duisburg-Meiderich ; Fürth ; Godesberg ; Niederschöna ; Pirna ; Prötzel-Strausberg 1 ; Rottenbach ; Bad Salzuflen ; Selb ; Zittau.
*Hispanujo:* Liria ; Pedralva ; Vitoria. *Hungarujo:* Györ.
*Italujo:* Rovereto. *Belga Kongo:* Costermansville.
*Litovujo:* Raseiniai. *Nederlando:* Hoorn ; Rijssen ; Voorburg. *Saarterritorio:* Erbach ; *Svislando:* Burgdorf ; Horgen ; Kreuzlingen.
*Usono:* Bremer ; St. Paul ; Syracuse.

*Statistiko de la Delegitoj.*

| | |
|---|---|
| Stato je la 15 Aŭgusto 1933 ........................ | 2.052 lokoj |
| Lokoj forstrekitaj laŭ supra listo ................ | — 43 lokoj |
| | 2.009 lokoj |
| Novaj lokoj de 15.VIII.33. ĝis 15.XI.33.............. | + 94 lokoj |
| Stato je la 15 Novembro 1933 ........................ | 2.103 lokoj |

Genève, 15 Novembro 1933 HANS JAKOB, Direktoro de *UEA*

# Oni dankas

*** D-ro Karlo Klein, Radioprelegantо kaj edzino, kursgvidantino, Lwow, Polujo vere ĝuis la UEA servon dum ilia rondvojaĝo. Distingan dankon al S-ino de Schütter, edzino de Del. en Antverpeno.

Dankegon al S-ro H. Rainson, Meĥleno, fraŭlino J. Thooris, sekretariino de grupo en Bruĝo, lasta sindone gvidis kaj aranĝis « sonorilludon » de « Tagiĝo ».

*** Al S-ro Rag. Blasimme Ascenzio, vicdelegito de UEA por turismo en Roma dankas koregе UEA-Delegito Bruno Gahler en Reinowitz, Ĉeĥoslovakujo kaj 35 anoj de karavano por afablaj servoj kaj gvidlibroj pri Roma kaj Napoli. Dankon same al S-roj Bonini en Venezia kaj Lombardi en Napoli.

*** S-ro Seth B. Anomah, Delegito en Lome, Togo, skribas :

Al la gesamideanoj kaj la legantoj de la Revuo Esperanto el multaj landoj kiuj tiom amas min kaj abunde gratulis min per leteroj, poŝtkartoj kaj donacoj dum la lasta monato mi sendas mian plej profundan dankon : mi deziras al vi ĉiuj feliĉecon kaj multe da sukceso en via laboro ; kaj kun avideco atendas viajn leterojn kaj helpon por daŭrigo de Esperanto afero en Afriko.

*** Helmi Dresen, Ĉefdelegitino de UEA en Estonio, kaj Hilda Dresen plej kore dankas jenajn delegitojn de UEA, kiuj kune kun multaj aliaj samideanoj faris al ili valorajn servojn dum somera vojaĝo kaj ĉiel agrabligis la restadon en la travojaĝataj landoj : S-ro Jan Razska en Bohumin (Ĉeĥoslovakio), S-ro Ivan Kotov en Ruse, S-roj Georgi Dimov kaj Georgi Sapunĝiev en Varna, S-ro Hristo Karakolev en Stara Zagora, S-roj Atanas D. Atanasov kaj Kiril P. Georgiev en Sofia (Bulgario) kaj S-ro Henk Goemans en Istambul (Turkujo). Ili esperas revidi ĉiujn dum la postkongreso en Tallinn en Aŭgusto 1934.

*** S-ro Edvardo Wiesenfeld, L.K., Varsovio, dankas al S-roj Prof. Muszynski, Szyk el Vilno, J. Ŝapiro, Ch. Brawerman kaj El. Jablonski el Bialystok pro farita servo.

# Bibliografia Servo de UEA

## Donaco

De S-ro Georg Agricola, Genève :

ULTRA : Petit Dictionnaire Ultra. Précédé d'un essai sur l'origine, la langue et les œuvres des Ultra. Par un royaliste constitutionnel. Paris 1823, chez Monge Aîné, Libraire, boulevard Poissonière, 18. — 18 cm. alta, 11 cm. larĝa, 107 pp.

AUGUST FICK : Die ehemalige Spracheinheit der Indogermanen Europas. Eine sprachgeschichtliche Untersuchung von.......... Göttingen 1873. Vandenhoeck & Ruprecht's Verlag. Druck der Univ. Buchdruckerei von E. A. Huth in Göttingen. 23×14 cm., 432 pp.

## Novaj libroj 1933

J.-B. SÉVERAC : Leteroj al Brigito, La socialista partio, ĝiaj principoj kaj ĝiaj taskoj. Eldonis E.S.F.I.O., Paris. Presis J. Solsona, Paris. 207 paĝoj. 12×19 cm. (1933-48).

JOSEĜ R. SCHERER : Ĉirkaŭ la mondon kun la verda stelo. Eldonis kaj presis Heroldo de Esperanto, Köln. 272 paĝoj. 14×21 cm. Prezo : broŝ. 5.— Fr. sv., bind. Fr. sv. 7.— (1933-49).

JANIS RAINIS : Amo estas pli forta ol morto. Tragedio de « Turaidas Maija » en kvin aktoj. Eldonis Latva Esperanto-Societo, Riga. Presis Latvia ŝtata Monpresejo (2.000 ekz.). 111 paĝoj. 14×21 cm. (1933-50).

*** Cours Pratique d'Esperanto. Méthode élémentaire et supérieure permettant d'apprendre même sans professeur. 232 paĝoj. 13×19,5 cm. Eldonis Librairie Centrale Espérantiste, Paris. Presis Imprimerie Centrale Espérantiste (J. Polgar), Paris. Prezo Fr. sv. 2.— (1933-51).

MANUEL CAPLLIURE BALLESTER : Esperanto idioma auxiliar internacional, Gramatica, Ejercicios y Diccionario. Presis José Olmos, Valencia. 291 paĝoj. 14,5×22 cm. Prezo 5,50 pesetas (1933-52).

P. FRANCISKO MESTAN, SCHOL. PIAR : Katolika Esperanto-Preĝareto. Eldonis Verlag Eckarthaus, Wien. 40 paĝoj. 9×14 cm. (1933-53).

ALOIS SCHNEIDER, MAGDA CARLSSON : Barbro kaj Eriko. Eldonis : Eldona Societo Esperanto. Förlagsföreningen Esperanto, Stockholm. 40 paĝoj. 13,5×20,5 cm. Prezo : 0,60 Frk. sv. (1933-54).

EINAR DAHL : Dialogoj kaj komedietoj. Dua kolekto. Eldonis : Eldona Societo Esperanto — Förlagsföreningen Esperanto, Stockholm. 31 paĝoj. 12×18,5 cm. Prezo : 0,50 Frk. sv. (1933-55).

HOMER : The Tenth Book of Homer's Odyssey. Translated into Esperanto Hexameters by Giles Dixey. Eldonis The British Esperanto Association, London. 24 paĝoj. 12 ½×18 ½ cm. Prezo : 1 ŝ. plus afranko (1933-56).

*** Kio estas ? Kvina eldono. Eldonis Oomoto Centra Oficejo, Kameoka Kioto-hu, Japanujo. 96 paĝoj. 13×18 ½ cm. Prezo : Fr. sv. 1.— (1933-57).

ANDRÉS PINO : Konsiloj. Sugestoj de malnova esperantisto. Eldonis la aŭtoro. 56 paĝoj. 12,5×17 cm. (1933-58).

*** Ključ Esperanta. Serba (serb-kroata) ŝlosilo. Drjavna ŝtamparija Kraljevine Jugoslavije Beograd 7,5×11,5 cm. (1933-59). 2.000 ekz.

*** Komentoj al la Komunista Manifesto. Tradukis el la angla kaj kompilis T. Veder. Eldonis Sennacieca Asocio Tutmonda, Paris. 56 paĝoj. 11,5×17 cm. Prezo : Fr. fr. 3.60 (1933-60).

## Inaŭguro de nova ejo de la Internacia Cseh-Instituto de Esperanto

### (Internationaal Esperanto-Instituut)

La 12-an de Decembro malfermiĝis la nova ejo de la Internacia Cseh-Instituto de Esperanto de Riouwstraat 172, den Haag.

La reprezentanto de la Ministro de Instruado, S-ro J. van Andel, direktoro de la Ned. liceoj, faris la malferman paroladon. Antaŭe S-ro Andreo Cseh kaj S-ino Isbrücker estis klarigintaj la celon de la Instituto, kiu estas eduki instruistojn, kiuj povos doni kursojn laŭ Cseh-metodo kaj disponigi tiujn instruistojn al la landaj organizajoj, kiuj organizas la kursojn. Krome la Instituto aranĝas ĉiaspecajn kursojn por eduki al la Esperanto-ekzamenoj.

S-ro van Andel esprimis la bondezirojn de la Ministro kaj la esperon ke la Esperanto-Instituto floros kaj kreskos. Li akcentis, ke la Esperanto-movado jam tre forte kreskis sen ia apogo de registaroj, kio pruvas, ke ĝi havas ekzistrajton.

La Direktoro-Ĝenerala de la Poŝto, Telegrafio kaj Telefonio, S-ro Damme, diris, ke li havis agrablan kunlaboron kun la Instituto en la lasta somero, kiam la Instituto organizis specialan kurson por poŝtistoj. Li ne pensis, ke la movado inter la poŝtistoj tiel rapide kreskos, sed efektive tio okazis kaj tiaj li decidis, farigi tabuletojn kun la vortoj : Oni parolas Esperanton, por pendigi en la giĉetojn de la Esperanto parolantaj oficistoj. La unuan tabulon li donacis al S-ino Isbrücker.

Poste parolis la skabeno de instruado en Hago, S-ro Prof. v. d. Bilt. En spritaj vortoj li kore gratulis la Instituton kun la nova konstruajo.

La salono de la Instituto estis tute plena de reprezentantoj de Esperanto-organizajoj, instruistaj unuiĝoj, ligoj de la P.T.T.-personaro, de la Hungara Legacio kaj la Ĉambro de Komerco de Hago.

## Korespondado

*Interŝanĝo de objektoj*

*Mallongigoj :* L-letero ; PK-poŝtkarto ; PI-poŝtkarto ilustr. ; bfl.-poŝtmarko sur bildflanko ; Gaz.-gazeto ; k.ĉ.l.-kun ĉiuj landoj ; C.r.-certe respondos.

*Bakhus pr. Halsen* (Norveg). — S-ro Ragnar Skattum, kun Islando, Kanado kaj okc. Usono, nur interstene.

*Cassa de la Selva* (Hispanujo). — S-ro M. Juliol. str. Catalunya, 41. L.PI. kun geazianoj kaj gerusoj, pri muziktemoj. Nepre respondos.

*Cassa de la Selva* (Hispanujo). — S-ro Enric Genoher. str. Barcelona, 40.PI. kaj amatorfotojn k.ĉ.l. Respondo garantiata.

*Catarroja* (Hispanujo). — S-ro Salvador Puchalt Almarche, Str. 14 abril, kun gesamideanoj ĉiulandaj nur PI.

*Doncaster* (Anglujo). — S-ro John Farrand, 22 Buckingham Road, nur pri seriozaj temoj, ekz : socipolitiko, filozofio, psikologio.

*Moskvo.* — S-ro N. Ŝaŝkin, Ĉistoprudnij bulvar 9, PM., libroj.

*Osaka* (Japan). — S-ro Henri Kiriu, 21 jara, pentristo, 240 Mukogaoka, Uenoŝiba Hanŭa-ensen, L., pri pentro-arto kun juna franca pentristino esp. en Parizo. PI. arta ekspozicio, bfl.

*Slonava No.* 100 (Ĉeĥoslovakujo). — S-ro Paŭlo Bartulec PI., bfl. vidajoj urbaj, vilaĝaj, montaraj refreŝiĝejoj, Glumarkoj, Gaz. Esp. kĉl. Certe respondos.

*Stockholm.* — Tramista Esperantistaro en Stockholmo intencas starigi ekspozicion kun informoj pri trafiko per tramoj kaj aŭtobusoj en aliaj landoj. Tiucele ni insiste petas tramistajn kamaradojn sendi al ni bildojn de tramoj kaj aŭtobusoj, de teknikaj detaloj, tram-kaj aŭtobusbiletojn, dejordividojn, kolektivkontrakton ktp. Ni jam pretigis similan materialon por tuja rekompenco.

Sendu al :
K-do Gunnar Gustavsson, Hägerstensvägen 138, Stockholm 9. Svedio.

*Vajta* (Hungar.). — S-ino D-ro Julia Welser, PI., L., ĉia temo. Nur kun kleruloj seriozaj precipe transoceanaj.

*Wien, XVIII.* — S-ro Karl Klostermann, Schumanngasse 6, P.M., precipe de Sud-Ameriko, Britaj Kolonioj, Ĉinio, Japanlando, Siam, Nederl. Hindujo, Alĝerio, Maroko, Tunizio, Egipto, kontraŭ eŭropaj.

## Petoj kaj Proponoj

*INTERNACIA KOMERCO*

*Adresŝanĝo.* — Al miaj malnovaj korespondantoj mi respondos per longa skribo. Novajn mi akceptas nur se ili skribas per Intersteno. Zorge skribu vian adreson. Afranku filatelie. S-ro C. Daglio, *Costa Vescovato* (Pr. Alessandria, Italujo).

GRUPOJ !! ŜPARU MONON vintre por kolektiva ferio en 1934. Petu programon kun prezoj, enkludanta ekskursojn al San Remo (Italujo), Monte-Carlo, Monaco, Cannes, ktp., de Internacia Hejmo Esperantista, ASPREMONT (A.-M.), Franclando.

*Kantaro.* — Se vi dezíras havi Hungaran kantaron, sendu 2 respondkuponojn al Hungara Skolta Esperanto Rondo, Budapest, V., Nagy Sándor u.6. por kajereto « Kantas la Hungara Skolto » enhavante 64 tekstojn en Esperanto 24 kun muziknotoj kaj originalaj hungaraj tekstoj. Tradukis Kalocsay, Baghy, Balkányi, Mátyás, Szikszay.

*Memortago.* — Okaze de 450-a naskiĝtago de Martin Luther estu rekomendata la libreto de pastro em. Löwe, Radebeul-Dresden, Germanujo, Albertstrasse 18. « Vivo de D-ro Martin Luther »kun aldono « La malgranda Katekismo ». Prezo 0,50 Gmk ĉe l'aŭtoro.

*Zamenhof PM.* — Por mia poŝtmarka kolekto mi serĉas ŝtampitajn kaj neŝtampitajn ekzemplerojn de ĉiuj aperintaj Esperantaj kaj Zamenhofaj poŝtmarkoj. Ofertojn oni bonvolu direkti al Harry Wilke, Berlin. N.W. 21. Bugenhagenstr. 8. (Germanujo.) »